FONDITA en 1908, TRIA SERIO
32 a JARO - N° 227 Jun-Jul 1964

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris X[e] — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

M. Giscard ... inaugure

L'AURORE

Les espérantistes tiendront leur 56e Congrès national du 16 au 18 mai à Paris

France

LE 56e CONGRES NATIONAL D'ESPERANTO

C'est au Palais des Congrès, dans le cadre de la Foire de Paris, à la Porte de Versailles, que se tiendra le LVIe congrès national de l'Union française pour l'espéranto, les 16, 17 et 18 mai 1964.

CONGRES D'ESPERANTO FOIRE DE PARIS

8 millions de personnes parlent espéranto à travers le monde

Le 56e Congrès national se tiendra à Paris du 16 au 18

LES « ESPÉRANTISTES » au Palais des Congrès

UN HOMME une idée par jour

par ANDRÉ PARINAUD

Michel DUC GONINAZ : Enseigner l'espéranto au lycée

Paris-presse l'intransigeant

FIGARO

CHINOISES EN ESPERANTO

Libération

LE QUOTIDIEN REPUBLICAIN

56e CONGRES D'ESPERANTO A PARIS

Dites-le en espéranto « langue des amoureux »

L'espéranto a 77 ans

COMBAT

L'ESPERANTO ENGAGE LA BATAILLE pour devenir seconde langue officielle

Ni un sabir, ni un argot

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO
OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)

34, Rue de Chabrol, Paris Xe - C.C.P. 855-35 Paris

Secrétariat :

Mlle Y. PAULIER. - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

Rédaction :

M. **Jean THIERRY**, U.F.E., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » |
| « **DONATEUR** ...... | **30 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **20 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres reçoivent un bulletin d'information en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** ........ | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 10 F. — Etranger : 12 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... | **14 F.** | **MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... | **28 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **7 F.** | Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **14 F.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** .......... | **21 F.** | **MEMBRO SUBTENANTO** .. | **42 F.** |

(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.
(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.

# Donacoj

| | |
|---|---|
| S-ro LAPIERRE .......................... | 2,00 |
| S-ro LEMAIRE .......................... | 34,00 |
| S-ino VINCENT .......................... | 7,89 |
| S-ro ARRIEU .......................... | 4,50 |
| F-ino BOIS .......................... | 10,00 |
| Grupo Chatenay-Malabry .................. | 50,00 |
| S-ro EPSTEIN Norbert .................. | 5,00 |
| S-ro BERNARD Roger .................. | 100,00 |
| S-ro DIGUET .......................... | 1,00 |
| S-ro TEXIER .......................... | 5,00 |
| S-ro OMONT .......................... | 2,00 |
| D-ro MAILLARD .......................... | 8,81 |
| S-ro JOUIS .......................... | 13,00 |
| S-ro SERRE .......................... | 50,00 |
| S-ino SANTREUIL .......................... | 5,00 |
| S-ro LIENHARDT (libroj) .................. | 54,00 |
| S-ro BROISE .......................... | 1,00 |
| S-ro BOULOGNE Pierre .................. | 2,00 |
| S-ro FAIRBANK .......................... | 4,00 |

**SUBTENANTAJ MEMBROJ :**

S-ro THERMOZ, S-ino PINGRIS, S-ro HENAUX, S-ro COULON Jean, S-ro GUILLOT Jean-Paul, S-ro GAUME, S-ro BODEREAU, S-ro SERRE Marcel, S-ro DUBOIS Louis, S-ro EPSTEIN, S-ro BLANQUET.

**BONFARAJ MEMBROJ :**

S-ro RONGEMAILLE, S-ro BOURGEON, F-ino MENARD.

**SUR NIA KOVRILO : Eĥoj en la franca gazetaro.**

# Enhavo

# VEKIĜO

La 56-a Nacia Kongreso finiĝis, markite per vera reinteresiĝo de la franclingva gazetaro kaj radiostacioj. Okazis sep elsendoj : kvar de Radio-Luksemburgo, du de la R.T.F. kaj unu de Eŭropo No 1; aperis ankaŭ artikoloj kaj komunikoj en la plimulto el la gazetoj : deko el Parizo, ĉ. dudeko el la provinco, kaj du el la gazetagentejoj. Ĉi tiu rezulto ne estas ia miraklo, kvankam tia ĝi povus aspekti, — tiel alkutimiĝintaj ĝis nun ni estis al la muteco, se ne foje, prisilentado de ĵurnalistoj. Sed — en la realo — jam de kelkaj monatoj zorge, metode kaj pacience plugis kaj prisemis la kampon grupeto da samideanoj sub la kunordiga gvidado de André Bourdeaux; sindone kaj malavare ankaŭ kunhelpis s-ano Aisberg (1), sen kiu la gazetkoktelo estus ankoraŭ ŝvebanta tra revaj nebuloj. Unuvorte venis fruktoj ne de hazarda individua paŝo, sed de celtrafa kunorganiziteco.

Nun ke la « silento-muro » estis rompita kaj la publika opinio skuita, estus ne racie lasi, ke la pene akiritaj rezultoj reperdiĝu en la marĉo de inertecoj aŭ tra la ĝangalo de mispaŝoj. Sonis por ĉiuj la momento pri- aŭ re-konscii la neceson de taŭga, ne dısiga, fortomobilizo. Atendas artikola verkado kaj radioelsenda preparado : la gazetkampanjo estas malfermita al ĉiu kapabla alporti brikon al la tuta konstruo kondiĉe ke oni ne fuŝu la arkitektan planon. Malnovaj esperantistoj revekiĝu; novaj pretiĝu. Estas bezonata ĉies energio por subteni kampanjon en publika opinio ; sed, pli ol iam ajn, unuiĝo kaj koncentriĝo de la klopodoj estos la nemalhavebla garantio de la sukceso.

J. T.

---

(1) S-ro Aisberg, direktoro de pluraj elektroteknikaj revuoj en Parizo, verkis en 1928 libron, kies titolo estas « Fine mi komprenas la radion ». Tiu ĉi fama libro estis poste tradukita en 23 naciajn lingvojn.

***

**INFORMA FAKO DE U.F.E. — Rilatoj kun gazetaro, radio kaj televido.**

Atentu, atentu ! Por ke la rilatoj kun la pariza gazetaro restu glataj, ĉiu samideano estas petata sin deteni de propráiniciata paŝo : li bonvolu antaŭ ĉio interrilati kun la nacia respondeculo. Detaloj en la venonta numero. — La bendo, sur kiu estas registritaj la elsendoj « 2 heures d'avance » (kun Michel Duc-Goninaz) kaj « Tout le monde en parle » (kun G. Waringhien, J. Thierry, R. Bernard, Lagrange, k.c.), entute 14 minutoj je rapido 9,5 estas je la dispono de la federacioj kaj grupoj.

La nacia respondeculo : A. BOURDEAUX.

**RAPORTO PRI FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO**

1) Sekve al la eksiĝo de s-ano Waringhien, mi devis — pro amika trudo de miaj kolegoj — akcepti la prezidantecon de nia Instituto. Preninte tiun taskon sur miajn ŝultrojn, mi deziras eldiri unu intencon kaj unu esperon.

Mia intenco estas daŭrigi la agadon de nia estinta prezidanto por plialtigi la nivelon de niaj ekzamenoj, kaj konsekvence la nivelon de la lingvoscio de la francaj esperantistoj. Mi devas rememorigi al certaj personoj, ke la plialtigo de la nivelo de la ekzamenoj estis petita de la Konsilio de U.F.E. en septembro 1962 kaj kuŝas en la baza laborprogramo de U.F.E. (punkto 12-a).

Mia espero estas, ke, estonte, la du asocioj — U.F.E. kaj SAT-Amikaro — kiuj fondis nian Instituton en 1948, eluzos la eblecojn, kiujn prezentas la ekzisto de la Instituto, por plifirmigi kaj plivastigi sian kunlaboron sur la lingva tereno.

2) S-ano Tardieu restas Direktoro de la Ekzamenoj. La konsisto de la Ekzamena Centro restas provizore senŝanĝa.

3) Financa raporto por la periodo 18-5-63/4-5-64.

| | | |
|---|---|---|
| En kaso la 18-5-63 | | 1.767,02 F. |
| Enspezoj | ........ | 335,55 F. |
| Elspezoj | .......... | 256,53 F. |
| En kaso la **4-5-64** | | **1.846,04 F.** |

La financo de la Instituto estas do en bona stato.

4) Diplomoj disdonitaj dum la periodo de la 14-1-63 ĝis la 4-5-64.

| | | |
|---|---|---|
| Atesto pri lernado | : | 243 |
| Atesto pri Supera Lernado | : | 65 |
| Atesto pri Kapableco | : | 14 |
| Pedagogia Atesto | : | 2 |

sume : 324 diplomoj.

Malsukcesoj : Lernado : 61; Supera Lernado : 1; Kapableco : 4.

Mi ankaŭ deziras atentigi pri la nombro da diplomoj disdonitaj depost la 15-a de majo **1948**, tio estas dum periodo de 16 jaroj :

| | | |
|---|---|---|
| Atesto pri Lernado | : | 3.206 |
| Atesto pri supera Lern. | : | 804 |
| Atesto pri Kapableco | : | 250 |
| Pedagogia Atesto | : | 24 |
| Diplomo pri Altaj studoj | : | 3 |

Sume : 4.287 diplomoj.

Tiun statistikon povos primediti niaj esperantistaj asocioj, kiuj evidente havus konsiderinde pli fortan membraron, se ili kapablus konservi en siaj rangoj la relative multajn personojn, kiuj akiris almenaŭ elementan scion de la lingvon.

Konsiderante la fakton, ke la Atesto pri Lernado estus rimedo por statistiki la nombron da personoj, kiuj akiris elementan scion de la lingvo, mi pensas, ke oni devus rekomendi al la lokaj grupoj prezenti pli grandnombre siajn lernantojn — se tiuj ĉi akiris la necesan nivelon — al tiu ekzameno. Mi ankaŭ pensas, ke la Asocioj devus instigi la plej kapablajn el siaj membroj al preparo de la Atesto pri Pedagogio. Ŝajnas al mi utile rememorigi, ke laŭ la Regularo de la ekzamenoj, la Pedagogia Atesto estas necesa por instrui la lingvon en la ŝtataj duagradaj lernejoj. Mi devas kun bedaŭro konstati, ke el la 48 personoj, kiuj instruis Esperanton en duagradaj lernejoj dum la jaro 1962-63, nur 4 posedas la necesan ateston. Nur 18 el ili posedas la Ateston pri Kapableco. Fine, el la 54 personoj, kiuj instruis la lingvon dum la sama periodo en diversaj lernejoj, nur 24 estas profesie pedagogoj. Mi atentigas la gvidantojn de U.F.E. pri tiu situacio.

5) Konforme al la dua punkto de la nova regularo, la Instituto zorgas pri la lingva kontrolo de la manuskriptoj al ĝi konfiditaj. Dum la lasta jaro unu manuskripto estis kontrolita. Plie, ni intencas revivigi la iaman libro-serion de la Instituto. Jus aperis en la literatura serio la tradukoj de du teatraĵoj de Jean-Paul Sartre (**Sen Eliro** kaj **La respektema Putino**) fare de Roger Bernard. Baldaŭ aperos en la pedagogia serio broŝuro de Raymond Schwartz pri la uzo de la participoj.

Antaŭ unu jaro, s-ano Waringhien estis devigita eldiri severajn kritikojn koncerne la lingvo-nivelon de la revuo **Franca Esperantisto**. Mi ĝojas, ke mi ne devas plenumi tiel malagrablan taskon ĉi-jare, kaj konstatas kun plezuro, ke la lingvaj eraroj en la revuo de U.F.E. reduktiĝis al minimumo. Mi tamen rimarkis kun granda miro, en la lastaperinta numero (ofsetita, No 226), ke oni enpresis raporton faritan de iu seminarianino dum la Grezijona **kultura** semajno, kaj ke en tiu raporto svarmas la plej dikaj lingvaj eraroj. Malgraŭ la postnoto, kiu avertas, ke la teksto estis presita tia, kia ĝi estis skribita, tio ŝajnas al mi malbona politiko : oni povas respekti la stilon eĉ de mallerta komencanto, sed la gramatikajn erarojn oni devas ĉiam korekti.

Ni intencas estonte plenumi la 12-an punkton de la baza laborplano de U.F.E., kiu antaŭvidas konstantan rubrikon de la Instituto en la revuo, por la studado de la lingvaj problemoj.

Ni tre volonte prikonsideros la sugestojn, kiujn povos fari la Kongreso de U.F.E. koncerne la estontan laboron de la Instituto.

**Michel DUC GONINAZ.**

Festparolado de Profesoro G. Waringhien.

Ĉe la 56-a Nacia Kongreso

Pentekosto 1964 — Parizo

Estimataj gesamideanoj,

Ĝuste antaŭ cent jaroj, en malriĉa kvartalo de Varsovio, juda knabo, kiu ankoraŭ ne atingis sian kvinan jaron, penadis super la cirilan alfabeton de la rusa lingvo ; nek li, nek la patro, kiu severe lernigis al li tiujn elementojn de ĉia sciado, povis antaŭvidi, ke, kvindek jarojn poste, en la Urbo de la Lumoj, en Parizo, tuta aro da profesoroj, sciencistoj, akademianoj, kune kun multaj malpli famaj, sed egale sindonaj amikoj, fervore pretiĝos akcepti solene kaj triumfe tiun saman Lazaron Ludovikon Zamenhof, honorante lin kiel lingviston genian kaj bonfaranton de la homaro. En tiuj tagoj de Majo 1914, efektive, en plena febro prepariĝadis la Universala Kongreso de Esperanto, kiu devis doni al tiu lingvo la sankcion de Parizo kaj, tion multaj ja esperis, potence akceli ĝian oficialan agnoskon.

Vi scias, kia neatendita katastrofo malhelpis la kunvenon de tiu deka kongreso, al kiu aliĝis jam preskaŭ kvar mil esperantistoj. Kaj nun, denove kvindek jarojn post tiu dato, ni, kiuj kune venis en tiun ĉi saman urbon el ĉiuj flankoj de Francujo, ni povas kaj devas demandi nin, kie statas nia komuna afero, kaj kiajn esperojn ĝi plenumis.

— **(sekvas citado de la plej okulfrapaj atingoj).**

En nia epoko de pli kaj pli akceliĝanta progreso ne povas ne mirigi la pripensanton tiu kontrasto inter la sorto de Esperanto kaj la destino de tiel multaj samtempaj inventaĵoj, la telefono, la stenografio, la radiofonio, la magnetofono, la televizio, k.t.p. Tiuj rimedoj akceli kaj faciligi la interrilatojn inter la homojn estis komence provitaj kun pli aŭ malpli da akceptemo, sed tuj de kiam la publiko konstatis, ke ili bone funkcias kaj alportas utilon, ili senprokraste eniris en la ĝeneralan uzadon. Nu, Esperanto, ŝajne, pruvis jam de longe, eĉ se nur per siaj ĉiujaraj internaciaj kongresoj, ke ĝi bonege funkcias kaj taŭgas kiel internacia komprenilo ; cetere la utileco de tia internacia komprenilo estas per si mem sufiĉe evidenta. Kaj malgraŭ tiuj du faktoj ni konstatas kun surprizo, ke Esperanto ankoraŭ ne estas ĝenerale akceptita kaj universale uzata, sed ke ĝi restas kvazaŭ enfermita en malgrandaj rondoj, tiel ke iaj observantoj nun riproĉas al nia movado ĝian aspekton de sekto. Kio do kaŭzis tian staton ?

La respondo estas ja simpla, sed malofte klarigita, kvazaŭ ni eksentus ian ĝenon en tia analizo. Efektive, inter la diversaj inventaĵoj, kiujn mi citis, kaj Esperanto enestas radikala diferenco de naturo. Ili estas materialoj aŭ iloj, kiuj faciligas la homan agadon, sed neniel tuŝas nian animon, nian koron. Esperanto estas lingvo, kaj lingvo estas tre kompleksa fenomeno, kies ĉefaj aspektoj estas kaj psikologia kaj sociala. Psikologia, ĉar lernata ĉe la ekbrilo mem de nia spirita vivo ĝi intime ligiĝis kun ĉiuj niaj infanaĝaj spertoj, emocioj kaj ideoasocioj; ricevita de tiu mem, kiu nin naskis kaj nutris (ne hazarde oni parolas pri ies « patrina » lingvo !), ĝi enigis siajn radikojn en nian plej profundan memoron. Nia lingvaĵo nekonscie kuntrenas kun si longan pasintaĵon da afekcieco, ĝi iel fariĝis parto de ni mem.

Jen kio klarigas la neeviteblan reagon de la plimulto el la homoj, kiam oni proponis al ili « artefaritan » lingvon ; tio klarigas la ekkrion de la unuaj kritikintoj de Volapük kaj poste de Esperanto, ke « lingvon oni ne povas krei », ke ĝi estas io natura, kiun anstataŭi povas nenia retorta produktaĵo, nenia kabineta surogato. Elpensi ian telegrafan aŭ optikan kodon ŝajnis projekto tute normala kaj akceptebla ; sed artefari lingvon, tio estis kvazaŭ perforti religian tabuon, kaj la simpla ideo de lingvo internacia plenigis tiujn homojn per la tre speciala miksaĵo de indigno, naŭzo kaj timo, kiu ordinare akompanas la malobservon de tiaj tabuoj. Vane oni montris al ili, ke Esperanto estas natura per ĉiuj siaj vortoj, pruntitaj el la naciaj eŭropaj lingvoj ; ke Zamenhof nur raciigis la gramatikon kaj vortfaradon de tiuj lingvoj, tiel ke estus pli ĝuste paroli pri ĝi kiel « planlingvo ». Eĉ tia malgranda dozo da artefariteco sufiĉis, por fortimigi ĉiujn, kiuj estis iel sentemaj al la afekcia aspekto de la lingvoj.

Sed lingvo ne servas nur por la esprimado de sentoj ; ĝi servas ankaŭ, kaj pli ofte, por la komunikado de pensoj ; kaj ĉi tie aperas la alia aspekto de la lingvo, tiu de sociala fenomeno. Lingvo estas utila al la homoj, nur se ĉiuj konsentas pri ĉiuj ĝiaj formoj, reguloj, dirmanieroj kaj ortografio, kiel ajn mallogikaj kaj iafoje absurdaj tiuj povas esti. Kaj ĉiu parolanto de unu lingvo sentas sin ne nur ligita per tiu neformulita kontrakto, sed kvazaŭ parta garantianto de ĝia stabileco kaj neŝanĝado. La ordinara homo ne ŝokiĝas, kiam oni proponas al li la lernadon de fremda lingvo, ĉar li scias, ke ankaŭ tiu lingvo estas bazita sur la konsento de granda homa komunumo kaj garantiata de longa pasinteco. Sed nur parolu al li pri internacia lingvo — kaj tuj liaj suspektoj vekiĝos : ĉar en liaj okuloj unu lingvo sen popolo, en kiu ĝi enradikiĝis, sen tradicio, kiu ĝin fortikigas, ne povas esti vera, sekura lingvo, ĝi estas destinita plimalpli frue disfali kaj perei. Tia konvinko estis tiel forta, ke eĉ Zamenhof ĝin konfesis, kiam li skribis, en 1901 : « hereda lingvo de la plej malgranda kaj plej sensignifa popoleto havas vivon multege pli garantiitan kaj neestingeblan, ol senpopola lingvo, kiun uzus eĉ milionoj da homoj ».

Jen do la du grandaj obstakloj, la psikologia kaj la sociala, kiuj de la komenco alportis al la esperantistoj tiom da mokoj kaj eĉ da malamoj, kaj kiuj longatempe bremsis la progreson de nia movado. Forigi ilin per unu bato eĉ la plej rimedriĉa propagando, la plej lerta reklamado, ne kapablis, ĉar tiuj obstakloj kuŝis en la plej profundaj tavoloj de nia individua kaj kolektiva konscio. Sed iom post iom ilin glatigi, iom post iom limigi ilian negativan efikon per malrapida alkutimado de la mondo al la ekzistado kaj fakteco de Esperanto, jen kio estis farebla, jen la tasko, al kiu devis dediĉis sin pluraj generacioj da esperantistoj. La duobla problemo konsistis en tio, ke ili devis doni al la publiko la pruvon, ke Esperanto, same kiel la ceteraj lingvoj, kapablas esprimi ĉiujn nuancojn de la penso, ĉiujn ekmovojn de la sento, alivorte, ke ĝi povas liveri al la homoj taŭgan ilon, por « esprimi sin mem », t.e. esprimi la tutecon de sia estaĵo ; kaj sur la alia flanko, ke Esperanto estas ŝirmita kontraŭ la personaj kapricoj de teoriuloj, kontraŭ la misformoj de apartiĝemaj naciismoj kaj ke ĝi ĝuas tian saman stabilecon, kiun longa skriba tradicio havigas al la naturaj lingvoj.

La dua problemo estis solvita en 1905, per la unuanima akcepto de la zamenhofa « Fundamento », kaj precipe per la konstanta kaj skrupula observado de tiu Fundamento en la verkado de ĉiuj bonaj aŭtoroj. Tio estis afero, kiu postulis grandan kaj longan penadon, ĉar la emo al ŝanĝado estas ĉiutaga tento por la artistoj kaj por la reformemuloj. Sed tiu disciplino, tiu neŝancelebla alligiteco al nia propra tradicio ĉiam venkis super okazaj defaloj kaj malfideliĝoj, cetere pli faciligata laŭ la jarfluo per la florado kaj disvolviĝado de nia literaturo.

Ĉar estas nia literaturo, niaj prozistoj kaj precipe niaj poetoj, kiuj donis kaj ĉiutage donadas al ni la rimedojn, por venki la unuan baron, pri kiu mi parolis, tiun instinktan malfidon de la homoj por la artefariteco en la regiono de la lingvo. Multajn fojojn mi aŭdis en la Esperantaj kongresoj, ofte sur la paĝoj de niaj gezetoj mi legis riproĉojn kaj kritikojn direktitajn al tiuj verkistoj, kiuj uzas Esperanton kiel ludilon, kiuj malsimpligas ĝian mirindan simplecon, kiuj forklinas al bagatelaj artaj celoj tion, kio devus koncerni nur seriozaĵojn, komercajn aŭ turismajn interrilatojn ktp. Sed tiuj, kiuj elmetas tiajn kritikojn,

tute ne konscias pri la grava, la esenca rolo, kiun nia literaturo ludis, ludas kaj ludos en nia batalo kontraŭ la antaŭjuĝoj de la publiko. Nur dank' al ili ni povas respondi per alio ol vanaj paroloj, per faktoj kaj realaĵoj, al tiuj, kiuj aperte aŭ alude pridubas la rajton de Esperanto pretendi la nomon de vivanta lingvo. Ke ni posedas nian kompletan Biblion, nian kompletan Dante, ke ni havas nian Baudelaire kaj havos morgaŭ nian Heine, ke ni disponas tiom da riĉaj kaj dokumentitaj Antologioj de la malgrandaj eŭropaj literaturoj, ke ni krome ĝuas originalajn poemojn kaj romanojn, tio estas la nerefutebla signo, ke Esperanto kapablas kontentigi la esprimbezonojn de la homa animo.

Ni povas do diri, ke dank' al la obstina penado de niaj antaŭuloj fine realiĝis tiu escepta fenomeno, kiun komence eĉ Zamenhof opiniis neebla, ke Esperanto fariĝis la vivanta lingvo de heterogena grupo da homoj, el kiuj nur tre malgranda nombro uzas ĝin kiel heredan, familian lingvon. Sed tio ebliĝis nur tial ke, unuigitaj per la klara konscio de sia homa devo, kuraĝigitaj per tiu idealo de interfratiĝo, kiun Zamenhof nomis la interna ideo de nia movado, la esperantistoj, pacience kaj persiste uzadante la saman lingvon, ne nur demetis en ĝin pli kaj pli riĉan heredaĵon da personaj kaj komunaj emocioj, sed ankaŭ, densigante siajn vicojn, konsistigis kvazaŭ honorgvardion ĉirkaŭ sia verda standardo kaj tiamaniere certigis la pluekzistadon de Esperanto-parolanta komunumo. Tio klarigas la sektecan aspekton, kiu frapis kelkajn observantojn, sed kiu faris nian aferon neelradikebla.

Cetere tia stato estas nur etapo en nia marŝo antaŭen. Nia tasko estas de nun elmontri al la granda publiko la fruktojn de nia longa laborado, konvinki ĝin, ke nian lingvon ĝi povas fidi, kaj al Esperanto konsenti la dignon kaj la privilegiojn de natura, tradicia lingvo, al kiuj kompreneble aldoniĝas ĝia propro karaktero de internacieco. Sed, por tion atingi, estas nur unu vojo, ĝuste tiu, kiun niaj antaŭuloj sekvis ĝis nun : obstine elteni, obstine daŭrigi nian varbadon kaj verkadon. Mi ja scias, kiom da penoj, da oferoj, da senreviĝoj fojfoje tio postulas ; mi ja scias, ke la pacienco estas la plej malfacila el ĉiuj virtoj ; sed ne ekzistas alia rimedo por ni, ol senĉese, senlace atesti antaŭ la publiko, ke en ĉiuj okazoj, sur ĉiuj kampoj de la homa aktiveco la solvo de la lingvaj malfacilaĵoj ekzistas, ke ĝi estas tute preta, ke ni konstante disponigas ĝin al tiuj, kiuj ĝin tiom bezonus. Estus malesperi pri la homa saĝo, se oni ne kredus, ke Esperanton ili finfine atentos — kaj alprenos.

Mi volus fini per komparo. En la nuna momento, tra la malvarmaj dezertoj de la spaco, sovetia raketo silente iras sian vojon al Venuso. Kaj de la horo de ĝia lanĉado, tage kaj nokte, izolita grupo da homoj estas okupata nur de ĝi, ili kaptas la senditajn radiogramojn, deĉifras ilin, tradukas kaj interpretas la informojn, registras eĉ la plej malgravajn detalojn de ĝia kuro. Ili estas de plej diversaj originoj kaj profesioj, akademianoj, profesoroj, inĝenieroj, teknikistoj, ĝis la plej humilaj tajpistinoj aŭ suboficistoj, kaj ili ĉiuj sinforgese dediĉas siajn fortojn, sian inteligenton, sian koron al teda kaj seka enskribado de ciferoj, al akumulado de sennombraj slipoj ktp. Sed tion ili faras, ĉar ili havas la esperon, ke iam, post kelkaj semajnoj aŭ monatoj, tie supre, en neimagebla malproksimo, la raketo trafos la planedon.

Ni, esperantistoj, estas similaj al tiuj homoj, ankaŭ ni estas malgranda aro, meze de vasta ignoranta publiko ; ankaŭ ni dediĉas nin al taskoj, kiuj promesas nek profitojn, nek gloron, nek heroecon ; ankaŭ ni ofte sentas nin lacaj de tiel longa atendado kaj de la monotoneco de niaj ĉiutagaj klopodoj. Sed ankaŭ ni eltenas, ĉar ni scias, ke ni partoprenas en granda spirita aventuro : al la homaro, kiu kun la paso de la jaroj pli kaj pli konscias pri sia unueco, ni volas doni unu lingvon. Ni lanĉis tiun noblan ideon en la misteron de la estonteco kaj, kun esperplena koro, ni fidas, ke ankaŭ ĝi atingos sian celon !

# Kongresaj Protokoljo

ĈEF-KUNVENO DE LA 17a DE MAJO

Honora prezidado de Profesoro Frechet (de la Scienca Akademio) kaj de Profesoro Waringhien.

La prezidanto Llech-Walter malfermas la kunvenon per salutleteroj de Sinjoroj Jean Rostand, Maurice Genevoix, André Malraux, Fouchet, kaj aliaj.

Germana delegito salutas en la nomo de la Germana Federacio kaj de Doktoro Hermann.

La prezidanto dankas, kaj gratulas sinjorojn Mahé kaj Thierry pro la bona verko « Angoroj ». Li gratulas ankaŭ S-inon Bodard, kiu zorgis pri la organizo de nia kongreso en la kadro de la pariza foiro.

Profesoro Waringhien eldiras sian agrablan festparoladon, kies konkludo estas atentinda :

« Nun vojaĝas al Venuso rusa raketo, kiun observas multaj homoj el la plej diversaj originoj. Ĉiuj dediĉas sian laboron, por ke iam la raketo atingu la planedon.

Por ni, esperantistoj, estas same. Ni dediĉas nin al tasko, kiu promesas nenion. Ni partoprenas grandan spiritan aventuron : doni unu lingvon al la homaro ».

La Prezidanto dankas post longaj aplaŭdoj. Li prezentas la protokolon de la kongreso en Perpignan : sukcesa, ĉar 200 partoprenantoj kontraŭ 300 en Parizo. Ni revivis dum kelkaj minutoj la folkloran vesperon, la ekskurson al Costa Brava, al Ampurias.

Laŭ la indikoj de sinjoro Guillaume, oni elektas komisionon por kontroli la balotadon de ok membroj en la komitato. Ĝi konsistas el :

sinjoroj Dettwiller el Grenoble
Evrot el Annecy
Gaudry el Parizo

Sinjoro Rousseau prezentas la kalkulan raporton. Prezidanto Llech-Walter substrekas ke, por kovri la monatan deficiton, ni devas aĉeti niajn librojn rekte al U.F.E. Li insistas pri ĉi tiu grava alvoko : ni vivas dank'al la aĉeto de libroj.

La kvitigaj kontrolistoj Dabezies kaj Pierre Boyer atestas la ĝustecon de la kalkuloj. Ili montras la seriozan laboron de la kasisto kaj de la sekretariino. La kontoj estas konformaj, la deficito ne pliigas 40/00 de la ordinara buĝeto.

Sinjoro Pierre Royer, skribe, rekomendas al la estraro : starigon de antaŭa kalkula buĝeto, monprovizon restarigitan per pliigo de kotizoj. La Kongreso aprobas la deziresprimojn de la kontrolistoj kaj la kalkulan raporton, unuanime.

Alvenas la prezidanto de la Foiro. Franclingve, li esprimas la simpation, per kiu oni akceptas nin. Li jam multe vojaĝis kaj simpatias ĉiujn pliproksimigojn inter la popoloj. La problemo de esperanto estas malfacila. Se iun tagon ĝi estos deviga, estos granda pliproksimiĝo inter la popoloj, ĉar la lingvobaroj, malgraŭ la homa varmeco estas nekontestebla obstaklo. Estus bela kontribuo al la paco. Li deziras bonvenon en la Foiro, tiu babela turo, kie oni retroviĝas sen distingoj dank'al tiu alia esperanto : la komerco. Li deziras renkonti nin denove venontjare ».

Sinjoro Llech Walter dankas.

Li prezentas skriban raporton de sinjoro Blanc koncerne la instruadon kaj la kulturan semajnon. Pli ol 2.000 lernantoj estas instruataj en Francujo. Sinjoro Blanc sendis 120 cirkulerojn al la akademiaj inspektoroj, 1.000 al la unuagradaj inspektoroj. Favoraj respondoj venis. Ofte la instancoj helpus nin, sed mankas la instruistoj. Estas do necese organizi kulturajn semajnojn. En la lasta, en Greziljon, dum pasko 1964, por la unua fojo, Generala Inspektoro de la Ministrejo pri edukado, Sinjoro Boislot, vizitis la semajnon. Ne nur li aprobis la jam donitan subvencion, sed li konsilis, ke Greziljon' mem petu subvencion.

Sinjoro Luez prezentas raporton pri internacia korespondado.

Ĉiu lernanto devus skribi al tiu organizo por peti korespondantojn en Esperanto, tiel ke la organizo vidu, ke nia lingvo ekzistas.

Protokolinto GARRIGUE.

POSTTAGMEZA KUNVENO

I. — S-ro THIERRY parolas pri FRANCA ESPERANTISTO.

U.F.E. eldonas fakte du bultenojn :

1) « Revue Française d'Espéranto », ĉefe en Esperanto.

2) « Bulletin d'informations mondiales » por la neesperantistoj.

Oni reduktis la paĝo-nombron je 12.

S-ro Gaudry protestas, ĉar estas tro da franca lingvo.

S-ro Thierry pri la enhavo ricevis plendojn : kelkaj opinias, ke estas tro da literaturo : aliaj, ke la revuo enhavas nur grupajn informojn !

La grupoj devus mendi « Informations mondiales » por disdoni al neesperantistaj oficialuloj. S-ino Cheverry deziras pli da bildoj por ĉi tiu parto. D-ro Albault opinias, ke la bulteno de la grupoj kun aldono de « Informations mondiales » tre efikus. Jam kelkaj grupoj faras tion.

S-ro Lemaire nome de la Federacio Rhône-Alpes diras, ke oni devus ŝanĝi la formon de la revuo, ke oni ne bezonas ĝin tia, kia ĝi estas. Sed la Liona grupo ne samopinias : estas tro multe da revuoj. S-ro Detviller aprobas ĉi tiun federacion, ĉar estas tro da gazetetoj en Francujo. Pri literaturo pli bone estas montri « Monda Kulturo » — n. S-ro Llech-Walter : « ĉiu grupo aŭ asocio ŝatas havi sian propran gazeton ».

S-ro Thierry : « Pri la malfruo, ofte la redaktoro ne kulpas, sed la anoncintoj. La grupo-informoj devus esti en Esperanto por la eksterlandanoj. Ne estas tro da literaturo, nur tri paĝoj el dek-du.

S-ro Vilhelm el Lille sugestas, ke dufoje monate, oni eldonu ĉefajn novaĵojn sur unu folio, kaj kvarfoje jare kulturan revuon.

S-ro Duc-Goninaz opinias, ke la solvo pri « Informations mondiales » estas bona, ke la administraj aferoj devu aperi aparte, ke la gazeto devus enhavi pli da kulturaj artikoloj. Li deziras kunfandiĝon kun « Kulturaj Kajeroj ».

S-ro J. Thierry dankas pro la diversaj opinioj kaj sugestoj kaj li konkludas la debaton, deklarante, ke la Redakcio klopodos koncilii la du tendencojn kiel eble plej.

S-ro Motillon opinias, ke devas esti informado kaj kulturo en la revuo.

II. — Raporto de S-ro DUC-GONINAZ, prezidanto de Franca Esperanto-Instituto.

III. — S-ro MOTILLON raportas pri la **Gazetaro-Servo.**

IV. — **Elekto de triono de la konsilianoj** : pluraj federacioj ne estis reprezentataj (El **1543** voĉdonoj, nur 1232).

La ok gekandidatoj estis unuanime elektitaj :

S-roj Bourdeaux, Mahé, Manceau, Micard, Ribot, Rougetet, Rousseau, S-ino Vincent.

V. — Raporto de D-ro ALBAULT **pri U.E.A.** : la membronombro kreskis, sed ankoraŭ ne sufiĉe proporcie kun la laboro farota.

U.E.A. preparas peticion al U.N.O. kaj U.N.E.S.K.O., por ke ili favoru la enkondukon de Esperanto en la lernejojn.

1965 estos la jaro de Internacia kunlaborado.

« Monda Kulturo » devas esti ne nur literatura, sed montri la kulturajn flankojn en la tuta mondo.

VI. — S-ro LLECH-WALTER raportas pri la sukceso de la kultura semajno en Grésillon, pri la neceseco varbi novajn membrojn kaj gvidi kursojn, eĉ kursetojn, ĉe geknaboj.

**Plialtigo de la kotizo ĝis 20 frankoj.**

S-ro Boulogne el Aix-en-Provence rakontas, ke en Aix ili sukcesis plialtigi la kotizon de la grupo de 1 ĝis 10 frj per unu fojo.

La propono estas adoptita malgraŭ du voĉoj kontraŭ kaj kvin sindetenoj.

VII. — S-ro ROUGETET, nome de Franca Informo-Komitato por Esperanto.

La statuto de la asocio devas esti akceptita de la instancoj.

**Propagando de U.F.E.** La « reconnaissance d'utilité publique » havas duoblan avantaĝon, laŭ morala kaj materiala vidpunktoj, interalie ni povas ricevi subvenciojn, donacojn.

U.F.E. sendas informan « bultenon » al 500 eminentuloj el ĉiuj medioj.

Nia kongreso okazas sub la patronado de tri francaj ministroj. S-ro Rougetet dankas ankaŭ Jean Rostand.

Propagando apud U.N.E.S.K.O. : la 21-an de majo okazos en la Pariza foiro la tago de N.R.O. kun la partopreno de pli ol 50 societoj, grupigantaj plurajn milionojn da aliĝantoj. Esperanto devas ankaŭ propagandi apud la movado « Malsato en la mondo ».

S-ro BOURDEAUX, nacia respondeculo pri la Informa fako (rilatoj kun gazetaro, radio kaj televido) prezentas planon de reorganizo laŭ la Principaro de Frostavallen kaj la Laborplano de U.F.E., akceptita en 1962. Li insistas pri la neceso, ke ĉiu grupo kaj federacio elektu kompetentan respondeculon kiel korespondanton de la nacia Informa Fako.

VIII. — **Rezolucio** : La Nacia Kongreso de Franca Esperanto-Unuiĝo, kiu okazis en la kadro de la Pariza Foiro la 16-an kaj 17-an de Majo 1964,
konsidere la rezultojn atingitajn dum la Kulturaj Semajnoj, (kiuj okazas de tri jaroj en kastelo Grésillon), kaj en la kursoj faritaj en multaj lernejoj;
petas la Registaron kontribui al pli intensa disvastiĝo de Esperanto, lingvo de kulturo kaj paco.

IX. — **Elekto de urbo por venonta kongreso** : neniu urbo sin proponas; oni lasas al la Konsilio la taskon elekti la lokon de la 57-a.

X. — RAPORTOJ de la FAKOJ

S-ro BLONDEAUX parolas en la nomo de la **fervojistoj.**

S-ro DABEZIES pri la **protestantoj.** Li anstataŭas S-ron Bachelier, kiu ne ĉeestas pro akcidento.

S-ro DETTWILLER pri la **nuklea klubo,** en atomkerna centro, en Grenoble. Li celas informi la gelaborantojn, enkonduki resumojn en Esperanto, aperigi artikolojn. Jam aperis artikoloj en « Technique Nouvelle », en Heroldo, duonan paĝon en « Euratom ».

Li ankaŭ volas aperigi novajn verkojn en Esperanto.

Li esperas, ke lia laboro disvastiĝos inter ĉiuj atomkernaj asocioj en Francujo kaj en aliaj landoj.

S-ro MOTILLON raportas pri la federacio de Angers.

S-ro GILOTEAUX el Norda Francujo anoncas du novajn grupojn en Calais kaj Tourcoing.

S-ro GARRIGUE parolas pri la internacia korespondado, kaj enketo pri la eventualaj abonontoj al « Courrier de l'Unesco ».

Li dezirus, ke la terminaroj estu eldonitaj ekster la jarlibro.

Okazos en Grésillon de la 30-a/8 ĝis la 13-a/9 staĝo gvidata de prof. Martin el la Universitato de Rennes.

XI. — **Oratora konkurso** : ĝi estas la unua organizita dum la nacia kongreso. 9 gekandidatoj prezentiĝis. La nivelo estis alta.

La unuan premion, gajnis f-ino GARRIGUE;

La duan : s-ro SIMONNET;

La trian kaj kvaran : s-ro TAMBURA kaj VILHELM.

Protokolintino f-ino CLAVIER.

**Propaganda kampanjo 1964**

Gajnis :

5372 : S-ro Fleury (Pierrefontaine-les-Blamont), vojaĝon al Hago.

5641 : S-ro Mathieu (Limoges), unu semajnan restadon en Grésillon.

5115 : S-ro Fighiera (Bruselo), librojn.

5863 : S-ro Dessapt (Thiers), librojn.

5305 : S-ro Comte (Paris), librojn.

# VARIETEA VESPERO

**La vespero de la 16-a de majo meritis ja sian nomon, ĉar varieca ĝi estis plezure ; ĝi prezentis spektaklon, kian oni malofte vidas dum kongreso.**

**Varieca ? Konstatu mem.**

« La advokato », ĉi tiu unuaktaĵo de Jacques Cossin en esperanta vesto de Joto konsistas en unurola drameto. Asiz-kortuma advokato, kiu ĵus sukcesis dank'al brila pledado malkondamnigi krimulon, revenas hejmen tiel obsedata de la kulpeco de sia kliento, ke en sonĝo li trovas la murdiston en la hejmo preta murdi lin... Kontrasto inter la pleda aplombo kaj la murda timo ! Konflikto inter ideala principo kaj propra sindefendo ! Spite la longecon de la komenco Michel Audibert klare esprimis tian psikologian komplekson ; kaj la publiko per elokventaj silentoj ŝatis impresajn momentojn.

Sekvis « En rondo VERDA STEL' » parodio de Joto laŭ la fama skeĉ-kanzono « Au Lycée Papillon ». Tuja ŝanĝiĝo de la etoso : post drameca intensiĝo ŝprucado de ridoj dank'al fervora trupeto da geparizanoj, kiuj ludis la diversajn rolojn de lernantoj. Vigla ritmo kun celtrafa akompano de la pianisto Charles Carrey, kvankam fojfoje kelkaj paroloj perdiĝis pro ne sufiĉe akcentita interpreteco.

Kaj nun venas du klaŭnoj, Julio kaj Aŭgusto, kiuj antaŭ la kurteno babiladas kvazaŭ surtrate pri la vetero. « Lia profesora moŝto, d-ro Kumulus' », fantaziaĵo de Joto pri la teknikaj terminoj de la meteologio : de nubo al nubo ni tamen fine surteriĝas !... Unu rimarketo : mankis kelkafoje iom da vervo por igi la babilaĵon pli dinamisma. Cetere, ŝajnas al mi, ke kutime oni ludas tro malrapide en esperanta teatro : kio difektas la vivecon. Oni ludu ne plu por balbutantoj, kiuj ankoraŭ ŝvitas por kompreni, sed por la sperta parto de la publiko, eĉ se ĉi tiu parto estas malmulta. Jen la nura kondiĉo de progreso ; kaj kiuj ankoraŭ ne sufiĉe regas la lingvon, tiuj ĝuste uzu la okazon por iom pli perfektiĝi !

La unuan parton de l'spektaklo kronis Raymond Schwartz, kiu per vervoplena « babilado » memorigis al mi la iaman etoson de la kabaretaj vesperoj. Kiom la lingvo ŝuldas al ĉi tiu kabareta verkado, neniam oni sufiĉe konscios : kiel skribis Viktoro Hugo.

« ĉar vort' estas la Vorto, kaj Vorto estas Dio. »

La dua parto konsistis en filmo : la unua originala filmo en esperanto. « ANGOROJ », de J.L. Mahé.

Tiu ĉi unua projekcio markas daton. Oni povas riproĉi la temon, la intrigon kies nodo ne sufiĉe rapide streĉiĝas, aŭ la ludan malrapidecon... Sed nekontesteble J.L. Mahé estas majstro de la kamero ; kaj tiel pri la bilda kvalito, kiel pri la son-registrado, teknike la filmo estas bona verko.

Tri partoj en ĝi : la unua prezentiĝas kiel « dokumenta filmo » pri la « PulBazaro », kaj tia ĝi estas humure bonega kun la komento de prof. G. Waringhien ; — en la dua komenciĝas la gangstera historio, domaĝe, ke ĉi tiuj gangsteroj tro babilemas ! la ĉirkaŭtabla diskuto ebligas replikojn pli taŭgajn sur scenejo ol sur ekrano ; — ĉe la tria parto la heroino montras bonegajn momentojn de angora freneziĝo, kaj tiam la bildoj fariĝas vere kinecaj.

La tuton enkondukas ŝatinde originala muziko de René Texier.

Konklude la unua filmo malgraŭ kelkaj manketoj prezentas ĝuindan spektaklon kaj digne inaŭguras la tempon de la esperantaj filmoj.

Roger DESCHAMPS.

# FRANCA KRONIKO

## FEDERACIO DE CENTRA MONTARO

S-ro R. Blanc, vic-prezidanto de U.F.E., kiu respondecas pri kontrolado de esperanto-kursoj en la instruist(in)aj seminarioj de Cher kaj Nièvre kaj ankaŭ en la mezlernejo de Sancoins (C.E.G.) kun entute 8 kursoj kaj 130 gelernantoj, ĵus finis serion da kulturaj vesperoj en Centra Francujo.

Temo : « Bulgarujo ». Dokumentaro konsistanta el lumbildoj kun akompano de bulgara popolmuziko : fotoj kaj surbendigo faritaj en Bulgarujo. Dulingvaj komentoj : francaj kaj esperantaj.

Plejparte neesperantista, la publiko montris grandan interesiĝon ne nur pri tiu balkana lando apenaŭ konata en Francujo, sed ankaŭ pri la praktika valoro de esperanto.

**Entute : 12 prelegoj, 2.100 gespektantoj.**

Utila laboro por krei etoson favoran al nia lingvo kaj allogi la gejunulojn, ĉi ties gepatrojn kaj instruistojn al niaj kursoj.

Ni aldonu, ke dum sia unumonata restado en Bulgarujo somere 1964, s-ro Blanc prezentis en plenplenaj kinejoj similan programon pri Centra Francujo. Ankaŭ ĉe la bulgara publiko tiele kontaktita plifirmiĝis atento al esperanto.

La federacia kongreso okazis en Montluçon la 10-an de majo : ampleksa programo varietea de skeĉoj, kantoj kaj poemoj kronis la kongreson en la urba teatro.

## FEDERACIO LANGUEDOC-ROUSSILLON

La jara kongreso de la federacio « Languedoc-Roussillon » Okazis en Mèze (Hérault), la 10-an de majo.

Cento da ĉeestantoj el diversaj urboj de la regiono partoprenis la laborkunvenon, kiu okazis de la 10-a ĝis tagmeze.

S-ino Hortolan salutis la kongresanojn je la nomo de la urbestro de Mèze.

Post la paroladoj de Prezidanto Llech-Walter el Perpignan, kaj de D-ino Vierne, S-roj Capus kaj Lentaigne el Montpellier, S-ro Jannez el Nîmes, la partoprenantoj aplaŭdis la gestudentojn : F-inoj Ariane Anglas el Montpellier, Catherine Povéda, Marie-Hélène Carreno, kaj S-ro Pierre Roméro el Perpignan, kiuj deklamis kaj raportis pri junulaj aferoj.

La gesamideanoj unuvoĉe aprobis la klopodojn por enirigi esperanton en la lernejojn. Sed la sukceso de la 3 Internaciaj Kulturaj Semajnoj pruvas la bonan vojon de la loka, regiona kaj nacia movado.

Post pikniko, la geamikoj vizitis per ŝipetoj la ostrejojn de la lago « Thau » apud maro « Méditerranée ».

La « Kanto de l'Revido » resonis kaj ĉiuj foriris hejmen, feliĉaj kaj kontentaj pri tiu frata renkontiĝo.

La venonta federacia kongreso okazos dum majo 1965 en Béziers (Hérault).

## NORDA FEDERACIO

**Turismaj abonoj.** — Multaj oficejoj eldonas esperantlingvajn prospektojn, kiujn oni povas mendi, ĉu individue, ĉu grupe, laŭ la adresoj troveblaj en la E-gazetaro.

Por malpliigi la koncernajn elspezojn de siaj membroj, la klubo de Tourcoing kreis apartan « turisman abonon ». La interesuloj pagas du eksterlandajn leter-afrankojn ĉiujare kaj ricevas regule, pere de la respondeculo, la novajn faldfoliojn en esperanto.

Tiamaniere, la libervolaj abonantoj kontribuas elĉerpigi la diversajn dokumentojn kaj ebligas eventualan novan eldonon. Krome, la kolektita materialo, permesas prepari estontajn ekspoziciojn kaj personan konstantan varbadon.

## NORMANDA FEDERACIO

**LES ANDELYS.** — La Kultura Zamenhof-Centro aranĝis laŭteman filatelan ekspozicion la 28-an de junio posttagmeze, okaze de la disdono de la premioj al la esperanto-gelernantoj.

## PROVENCA FEDERACIO

**NICO.** — La 25-an kaj 26-an de aprilo okazis la XXX-a federacia kongreso en la preleg-salono de « Hôtel du Louvre ». Ĉeestis italaj samideanoj el Torino. Raportis s-roj Jullien (Aix), Saretto (Marseille), Salles (Hyères), Colney (Gap) kaj s-ino Comino (Nice) La sekretario legis raporton pri Avignon. Propono pri unuiĝo de francaj gazetoj ne ricevis aprobon de la plimulto. Proponoj unuanime aprobitaj :

1) Por la internacia korespondado oni uzu du stelojn anstataŭ unu respondkupono. Oni ĝeneraligu la uzadon de la stelo.

2) U.E.A. faru enketon pere de la ĉefaj gazetoj pri la nombro de eventualaj abonontoj al « Kuriero de Unesko ».

3) En la U.K. oni vendu la poŝtkartojn ne pli multekoste ol en la kongresurbo.

4) Pro oportuneco por la uzontoj oni eldonu la teknikajn terminarojn ne en la jarlibro sed aparte. La urbo organizos la venontan kongreson.

## OKCIDENTA FEDERACIO

**ANGERS.** — La 26-an de majo okazis kultura vespero pri « Vojaĝo al Nederlando » kun tri belaj kolorfilmoj.

**TOURS.** — De la 16a ĝis la 25a de aprilo, la Grupo de Tours organizis bonegan ekspozicion en salono de la Urba Biblioteko, afable kaj senpage disponigita de la urbestro kaj de la bibliotekestro.

Multaj dokumentoj estis elmontritaj : libroj, gazetoj, faldfolioj, gazetoj, filatelaĵoj, afiŝoj, k.t.p.

Vizitis ĉirkaŭe 700 personoj. La loka gazetaro tre favore raportis pri tiu manifestacio.

Prelegoj de S-ro Ribot en la lernejoj, koincidantaj kun la ekspozicio, instigis gelernantojn ĝin viziti, kaj helpis al la sukceso.

La Grupo ricevis plurajn aliĝojn. Kurso estis malfermita kun 15 gelernantoj.

Inter la vizitantoj, du germanaj kaj unu angla studentoj petis adreson de la nacia organizo, intencante rilati kun sialandaj esperantistoj kaj lerni la internacian lingvon.

**Shakespeare kaj Esperanto.** — Okaze de la kvarcentjara reveno de la naskiĝo de Shakespeare, la « Instituto de Renesancaj Studoj » en Tours organizis en la Urba Biblioteko, tre belan ekpozicion pri la angla verkisto.

Inter la elmontritaj dokumentoj, estis kvin tradukoj en Esperanto, pruntitaj de la Grupo de Tours.

Ni opinias, ke estas la unua fojo, kiam esperantaj eldonaĵoj havas lokon en universitata ekspozicio en nia lando. Grava sukceso, kiu montras, ke nun la internacia lingvo agnoskiĝas kiel atentinda kultura rimedo en oficialaj rondoj.

## ORIENTA FEDERACIO

**THANN.** — S-ro R. Kubler kreis esperanto-sekcion en la junulara klubo de la kantono : la prezidantino estas juna instruistino, f-ino Halali Baumann. Kurso kun pli ol dek gelernantoj okazas ĉiumerkrede je la 20-a.

## RODANA FEDERACIO

**LYON.** — La 26-an de aprilo okazis en Nyons la federacia kongreso : la venonta okazos la 9-an de majo 1965 en Grenoble.

*Supplément au n° 227 de 1964, de* Franca Esperanto

BULLETIN TRIMESTRIEL N° 6 AVRIL - MAI - JUIN 1964

# d'Informations Mondiales

**Ces Bulletins ne présentent QUE DES FAITS RÉCENTS et CONTROLABLES**

*Rédaction :* Dr G. MAILLARD, 14, rue Ravon, Bourg-la-Reine (Seine).
*Administration :* Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

## *La Semaine Culturelle de Pâques 1964*

*MAISON CULTURELLE DES ESPERANTISTES FRANÇAIS*

Château de Grésillon — BAUGÉ (M.-& L.)

■

*Semaine organisée sous le patronage du Ministère de l'Education Nationale*



Grésillon, Pâques 1964 : les participants, les organisateurs, et quelques conférenciers

# LE RAPPORT DES STAGIAIRES

Mardi 31 mars, dans le splendide château de Grésillon, s'ouvrait la Semaine Culturelle Espérantiste où nous devions rencontrer un groupe d'étudiants de tous les coins de France, ainsi que de très sympathiques jeunes gens et jeunes filles d'autres pays : Angleterre, Hollande, Italie. Très tôt, une franche camaraderie naissait entre tous ces nouveaux espérantistes qui faisaient leurs premières armes dans une langue commune qu'ils étudient depuis peu.

D'éminents conférenciers se mirent à notre portée pour nous traiter les sujets les plus variés et surent à merveille captiver l'attention de leur auditoire encore néophyte. C'est avec précision dans les mots et dans la pensée, avec sûreté dans l'élocution que le Professeur Lapenna nous traita des grandes langues classiques et de l'art de parler en public. Grâce à lui, nous pûmes nous faire une idée des nuances les plus subtiles de la langue, nuances d'ailleurs insoupçonnées du profane. Les deux sujets présentés par MM. Ribot et Llech-Walter, « Valeur pédagogique de l'Esperanto » et « Pédagogie des Cours Publics » furent particulièrement bénéfiques aux futurs éducateurs venus nombreux parmi les quarante jeunes participants. Par M. Frangeul, nous fûmes mis au courant des réalisations de l'Unesco. M. Thierry, dans son exposé sur les romans écrits en Esperanto, nous montra l'évolution de la littérature espérantiste. Quand à la conférence du Dr Albault, elle nous fit revivre nos cours de sciences naturelles, mais le cours était cette fois présenté en Esperanto. Deux sujets d'histoire locale, la vie moyenâgeuse en Anjou et Léonard de Vinci en Touraine, nous révèlèrent l'érudition en ce domaine de Mme Cheverry et de M. Motillon. C'est encore de l'histoire locale, et aussi de l'histoire générale, que nous avons pu faire au cours de l'excursion du dimanche, préparée minutieusement par Mme Cheverry, guidée par M. Motillon, et qui nous conduisit aux splendides châteaux de Langeais, Villandry, Azay-le-Rideau, avec haltes à Chinon et Saumur, merveilles de l'art que beaucoup d'entre nous n'avaient encore eu le plaisir de visiter.

Heureux qui comme Ulysse a fait un beau voyage... Et c'est vraiment de beaux voyages que nous fîmes grâce aux magies de l'image et du son, depuis la Suède, à travers le Danemark, l'Allemagne, puis la Belgique, l'Angleterre, la Yougoslavie, la Bulgarie, et jusqu'en Egypte et au Soudan. Merci à MM. Guillaume et Rousseau.

Des cours pratiques à la charge de M. Blanc, contribuèrent à nous perfectionner dans l'usage correct de l'Esperanto, alors que les élèves, à tour de rôle, s'essayèrent en l'art de discourir, élèves parmi lesquels nous citerons, triomphant par la simplicité, Marie-Claude Turin, ainsi que la charmante néerlandaise Elly Wijnands et l'aimable italienne Maria Teresa Frus. Quant à M. Motillon, il joua un rôle très actif, en menant avec brio les divertissements.

Cette semaine nous a été très profitable par le travail accompli, mais aussi par le climat de sympathie et de détente. Nous sommes bien décidés à nous perfectionner encore et à favoriser la vulgarisation de la langue internationale.

Compte-rendu présenté par les élèves de Perpignan et complété par ceux des quatre autres groupes de travail.

### LA SEMAINE ET LA R.T.F.

Au cours de la Semaine, la R.T.F. de Rennes a envoyé au château de Grésillon un technicien et un journaliste pour un reportage. 24 heures après, ces mêmes technicien et journaliste revinrent, chargés par le centre de Paris de faire une émission pour l'étranger. Notre Président a pu ainsi donner un exposé sur la Semaine Culturelle et dire quelques mots en Esperanto à l'intention des espérantistes du monde entier.



Le gérant : GUILLAUME.
Imp. COCONNIER, Sablé (Sarthe)



# La Kongresanoj de Languedoc Roussillon

Maldekstre : Prezidanto Llech-Walter, F-ino Vidal, Kasistino, Advokato Abécassis, Sekre

## NIA VORT-TREZORO *

4) SORPO : ARBO AU FRUKTO ?

*En sia recenzo pri la 9-a eldono de la Fundamento, S-ro Michel Duc Goninaz demandas : « Kial traduki* sorpo *per la rusa kaj pola* jagoda, *kiu estas nenio pli ol* bero *». (Rev. F. d'E-o, nº 225, p. 34).*

La respondo resumiĝas jene :

1) En miaj « Lingvaj rimarkoj », mi ne proponis alian tradukon, sed nur notis : « aldonu en la rusa parto : *aĝoda ;* en la pola parto : *jagoda* ». S-ro Duc Goninaz prave notis, ke tiuj du vortoj signifas nur : *bero.* (La rusa litero a prononciĝas : ja).

2) Kiel tradukojn de *sorpo* ni trovas en la Universala Vortaro : a) la francan *sorbe,* kiu signas frukton ; la sorparbo estas : sorbier ; b) la germanan *Ebereschenbeere* kiu ja estas la bero de la Eberesche ; c) la anglan, kiun preziĝas la Akademia Korekto (sur p. 261) : *sorp-apple,* ja ankaŭ frukto ! Sed por la rusa (kaj simile por la pola) la signifo estas duobla :*râbina* signifas kaj *sorparbo* kaj *sorpo* (ja bero !).

Zamenhof bone povosciis la germanan, kaj ĝuste la klara germana troduko, ja tuj komprenebla dank'al la kunmetita vorto (Ebereschbeere sendube montras en kiu preciza signifo li komprenis la vorton *sorpo.* Ja, sen tiu klara germana verdikto oni povus heziti : kiu pravas inter la okcidenta unusignifo kaj la slava dusignifo ?

Simila problemo, kvankam eĉ pli grava, estis pri la signifo de *genoto* (Vidu sur p. 321) : kiu do pravis inter la okcidenta « kato » aŭ la slava « urso » ? Sed la tuj komprenebla germana *« Genettkatze »* jam donis ankaŭ senapelan verdikton (Katze signifas : kato).

A. ALBAULT.

* *Vidu la tri unuajn artikolojn en tiu rubriko :*
*1) Vortaro — vorttrezoro (Rev. F. d'E-o, nº 221, p. 116).*
*2) Televizilo — Televizaparato (Rev. F. d'E-o, nº 223, p. 7).*
*3) Lavango (Rev. F. d'E-o, nº 225, p. 35).*
*Se tiu rubriko interesas vin, sendu viajn demandojn pri difinita vorto al D-ro Albault, rekte aŭ tra la redakcio.*

# RECENZOJ

### ESPERANTA MISIO

Tia estas la nomo de asocio, kiu uzas la lingvon Esperanto por eldoni kaj dissendi evangeliajn verkojn. Ĝi jam eldonis 14 verkojn aŭ verketojn, el kiuj la kvar unuaj numeroj estas elĉerpitaj. Restas 10 t. n. kajeroj diversampleksaj pri religiaj temoj, plej ofte verkitaj de svedaj aŭtoroj kaj tradukitaj en esperanton de K. O. Sandgren. La tradukoj ŝajnas fidelaj, la esperanta lingvo estas neriproĉebla. La presado, la papero estas plaĉaj ; apenaŭ kelkajn malgravajn preseraroj n oni povas trovi. La temoj allogos ĉiujn, kiuj havas intereson pri religiaj aferoj aŭ pri la svedaj vivo kaj moroj. La tuta kolekto kostas sv. kr. 5,60 (la sveda krono egalvaloras 1 fr. frankon), sed Esperanta Misio ĝenerale disdonas siajn presaĵojn senpage por misiaj celoj. Oni povas ricevi ilin skribante al Esperanta Misio, Ostansjö, Svedujo.

Jen eltiraĵo el la kajero nº 9 : « Ni emas partopreni en la agado nur tiel longe, kiel ĝi amuzas nin. Ni emas ĉeesti nur la agrablajn kunvenojn, ni pretas veni nur, kiam ni antaŭvidas ĝuon kaj aprobaĵon ; sed kiam temas pri afero postulanta rezignon, oferon, tiam ni tuj retiriĝas. » Jen vortoj, kiujn esperantistoj povus mediti.

DABEZIES.

### LA TESTAMENTO DE JEAN RIBILLARD

Kiu legis kun ŝato la unuan libron de Jean Ribillard **Vagado sub palmoj,** tiu certe frandos lian duan — kaj lastan — verkon. La granda talento, kiun oni perceptis en la **Vagado** manifestiĝas plene en tiu ĉi testamento (1). Ribillard estas nekontesteble eksterordinara prozisto.

Majstro M'saud estas araba azeno, kiu rakontas sian vivon kaj aventurojn, priskribas la mondon kaj homojn lin ĉirkaŭantajn. Tiu azeno estas fakte tre klera kaj kapablas ne nur alte filozofii, sed eĉ spici siajn rakontojn per historiaj kaj literaturaj aludoj. Kaj li preskaŭ sukcesas konverti la leganton al budhismo !

La stilo de Ribillard estas rimarkinde eleganta ; ĝi ĉiam strebas al pitoresko, al afekto. Eble tro : oni ĝin facile etiketus baroka. Sed oni konstatas, ke ĝi tamen fluas facile, ke la aŭtoro ne perfortas, eĉ ne molestas la lingvon. Ne temas pri lingvaĵo eksperimenta, kiel foje aperas tiu de Ivo Rotkviĉ (2). Ja la konstanta strebo al elvokivaj bildoj kondukas kelkloke al kliŝoj. Ja kelkaj ŝercoj estas jam elgurditaj (pri la idioto Ĝoha, ekzemple), kaj la dufoja priskribo de arabaj bataloj iom peze burleska. Tamen la tuto estas konstanta ĝuo por la spirito kaj por tiu sesa senso de la esperantisto : la lingvosento.

Pedagogiaj konsiloj : bonega nutraĵo por progresantoj. Sed malamikoj de raraj (oj !) vortoj sin detenu : ni riskus serion da mortigaj sinkopoj, kiuj superplenigus la nekrologan rubrikon de la revuo. Sed bonvolu noti, ke Ribillard ne forĝis neologismojn : li ĉerpis ilin el aŭtoritataj vortaroj.

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) Jean RIBILLARD : Vivo kaj opinioj de Majstro M'saud. Redaktita de Reto Rossetti kun antaŭletero de Raymond Fiquet. Stafeto : Beletraj kajeroj 18. — J. Régulo, eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj 1963. — 12 x 19 cm. — 134 p. — Eldonnombro : 1.000 ekz. — Prezo : 7,50 Fr.

(2) en **Tragedio en la Universo.**

### ANSTATAŬ RECENZO

**Letero de Mariano Gonzàlez (Panamo) al sia franca korespondanto**

Bocas del Toro, la 14-an de majo 1964.

Kara franca amiko !

Mi bedaŭras, ke mi devas vin seniluziigi. Vi pensis ricevi de mi sensaciajn detalojn pri la enigma personeco de G.E. Maŭra, kaj eĉ eble planis, ke mi verkos **vian** recenzon. Maltrafe. Unue mi ne estas najbaro de Maŭra, ĉar kiel bona franco, malklera pri geografio, vi konfuzis la insulon Colon — sur kiu mi vivas — kun la urbo Colon, naskiĝurbo de Maŭra. Due, mia « eminenta samlandano » — laŭ via esprimo — ne estas el tiuj, kiuj volonte donas detalojn pri sia intima vivo. Mi do konsilas, ke vi turnu vin por pliaj detaloj al via eminenta samlandano kaj eble najbaro Gaston Waringhien, kiu bone konis Maŭran kaj lasis de li sufiĉe detalan portreton en siaj **Eseoj.**

Tion dirinte, se mi estus vi, mi ja konsilus — eĉ pli : instigus — la legantojn de **Franca Esperantisto** — aĉeti kaj legi **Duonvoĉe,** kiu estas la dua, plivastigita eldono de la samtitola poemaro aperinta en 1939 (1). Cetere, vi malprave opinias min kompetenta por paroli pri Maŭra : li ja estas pli franca ol sudamerikana. Grandan parton de sia vivo li pasigis en Francujo : tie li travivis tiun eksterordinaran aman — kaj amoran — aventuron, kiu okupas la jarojn 1932-36, kaj kiu estis la fonto de la versoj, jen lirikaj jen voluptamaj, sed ĉiam fajnaj, delikataj, de la unua parto. La pejzaĝoj (Parizo, Turlando), la etoso estas francaj (« ... kun la botel' da ruĝa sur laktolö, p. 38) ; Jen rememoroj de Baudelaire (p. 17), Ronsard (p. 43), Lamartine (p. 77). Kaj tiu arto de la impresoj, de la miniaturo, tiu strebo al muzikeco, ĉu ĝi ne estas verlena ? « De la musique avant toute chose... » moto ankaŭ de Hohlov, al kiu Maŭra parencas.

Sed estas aliaj pejzaĝoj, aliaj fontoj : la hispana milito (kun la belega « Himno », p. 56), la militkaptiteco en Germanujo (notinda : « Litanio », kun la raŭkaj sonoj de la kunmetitaj nomoj, de la velaroj kaj gingivaloj) kaj la esperantista mondeto, tiel sprite alpinglita per epigramoj kaj epistoloj.

Duonvoĉe. Jes : **la Nuance,** kiel diris via Verlaine. Sed la voĉo laŭtiĝas foje por prikanti la heroojn de Badajoz aŭ krii tiun **de profundis** aŭ « Jesaja 53 ». Duontone tamen : nek preĝo nek blasfemo, sed voĉo tremanta pro kompato al la destino de l'homo. Parenteze, senteblas ankaŭ forta influo de la greka-romia kulturo. Ĉu Maŭra ne difinis sin « Malfrua fil' de l'olda paganismo » ? Kaj ankaŭ influo de la Biblio ĉe tiu pagano...

Talento multfaceta, tamen unueca. Versoj, kiuj gravuriĝas en la memoro, reeĥas, rekantas. Kaj la plej belaj : la lastaj « unuversaj universoj », el kiuj la lasta estas la plej impresa :

« Ho neĝo, kiel bela vi estos, trans la homoj ! ».

Ĉe la unua vido, Maŭra ŝajnas minora poeto. Ĉe la dua, oni devas konfesi, ke li okupas elstaran lokon en nia Parnaso. Ĉe la tria, oni metas lin tute aparte. Sed eble mi juĝas subjektive, pro tamen troa najbareco. Mi do tre volonte ekscius de vi, kiel la francaj esperantistoj, kiujn oni en mia lando opinias kleraj kaj kulturitaj, akceptos tiun poemaron.

Amike via.

MARIANO GONZALEZ.

P. S. — Iu asertis al mi, ke en via slango Parizo nomiĝas Panamo. Ĉu kredinde ?

---

(1) G.E. MAURA : Duonvoĉe. Dua eldono. Desegnoj de R. Moretti. Stafeto, Beletraj kajeroj 19. Eld. J. Régulo. La Laguna, 1963. — 179 p. — Eldonnombro : 1.000 ekz. — Prezo :

# Nacia Kongreso

I

interkonon ni vesperan
partoprenis laŭ kutimo
kaj solenon priesperan
ĉeestadis ni sen timo

II

el podio elokventas
orator' en la germana
sed akordon mi jam sentas
per diskreta palpo mana.

III

poste ĉiuj en adoro
himman kanton entreprenas
dum ĉe ni okulfervoro
tutalian sencon prenas

IV

ve la tutan ŝipegskurson
teda an' de Interlingua
al ni venas fari kurson
pri l'merito « de su lingua ».

V

el restoraci' itala
post botelo da Chianti
ebrietaj ni al bala
ejo iri nu « avanti » !

VI

ridokule vi min tentas
dum serpentas ni en tvisto
al promeno vi konsentas
estos via mi gvidisto.

VII

statupara erotiko
en la parko spitekzemplas
taŭga al komparkritiko
laŭba ŝirmo amotemplas.

VIII

Al foriro venas hasto
mi proponas al vi jenon
organizi sen prokrasto
nur duope kromkongreson.

TORTEL.

**KUNLABORADO JAPANA-FRANCA.** — Esperanta libro aperis sub la titolo : « Intimaj paroloj de nova plugisto », teksto esperantigita de K. Siraki. En 1942, la « Librairie Orientaliste » (12, rue Vavin, Paris VI) eldonis tradukon de tiu ĉi libro faritan de Roger Hammond, kun la titolo **« Confidences à ma charrue »**, kaj la subtitolo **« Pourquoi je suis devenu laboureur »**.

El la fama libro « ROMANCERO GITANO », (« Cigana Romancaro »).

FEDERICO GARCIA LORCA

# Mortigo de Anĉjo Kamborjo

*Mortigaj voĉoj eksonis*
*apud la Gŭadalkiviro,*
*oldaj voĉoj ĉirkaŭantaj*
*alian voĉon de viro.*
*Li, kvazaŭ apro, mordegas*
*la botojn de l'malamikoj*
*kaj faras delfenajn saltojn*
*en la feroca turniro.*
*Lian kravaton makulas*
*la sango de l'malamikoj,*
*sed estas, ve! kvar ponardoj*
*por al li preni la vivon.*
*Kaj kiam la steloj sendas*
*pikilojn al akva grizo,*
*kaj pri ruĝaj mantelmovoj*
*revas la junaj bovidoj,*
*mortigaj voĉoj resonas*
*apud la Gŭadalkiviro.*

*

*— Ho, Anĉjo Torres Heredja,*
*Kamborjo de l'dura krino,*
*brunul' de la verda luno,*
*voĉ de diantaj eldiroj :*
*kiuj murde frapis vin*
*apud la Gŭadalkiviro?*

*— Miaj kvar kuzoj Heredja,*
*filoj de Benameĥio,*
*enviantaj miajn ŝuojn*
*tinkturitajn medalionojn*
*eburajn, kaj la kvaliton*
*de mia haŭto farita*
*el jasmeno kaj olivo.*

*— Ha, malfeliĉa cigano,*
*brunulo de l'dura krino,*
*Anĉjo Kamborjo, inda de*
*iu ajn imperiestrino :*
*la Dipatrinon alvoku,*
*ĉar tuj vi perdos la vivon!*

*— Helpon, Frederik' Garcia!*
*Voku la civilgardistojn!*
*Jam mia zono tordiĝas*
*kiel la tig' de l'maizo.*

*

*Tri sangoŝprucojn li havis*
*kaj tuj mortis laŭ profilo*
*de monera bildoflanko*
*kiu neniam reiĝos.*
*Anĝelo portis al li*
*kapokusenon el silko,*
*aliaj oleolampon*
*lumigis honte, kun timo,*
*kaj tuj kiam la kvar kuzoj*
*revenis Benameĥion,*
*la murdaj voĉoj silentis*
*apud la Gŭadalkiviro.*

El la hispana esperantigis :

ALVARO DE ORRIOLS.

Nura traduko rajtigita.

# Komuniko de Franca Esperanto-Instituto

KUNVENO DE LA 21. JUNIO 1964. — Ĉeestis s-roj Duc-Goninaz, prez., Bernard, Blanc, Caubel, Levreaud, Michaud, Tardieu, Thierry kaj Waringhien. Sendis sian opinion s-roj Albault, Babin kaj Baronnet.

A) **Kontrolado de manuskriptoj submetitaj al la Instituto :** Respondecas la sekretario, s-ro Roger Bernard.

B) **Listo de la verkoj studotaj por la Pedagogia Atesto :**

LETEROJ DE ZAMENHOF
VOJAĜO AL KAZOHINIO de Szathmari
KIEL AKVO DE L'RIVERO de Schwartz
HAMLETO, en la traduko de Zamenhof.

Tiuj ĉi kvar verkoj estas validaj por la jaroj 1964/1965 kaj 1965/1966 ; poste oni ŝanĝos du el la kvar.

B') **Listo de la francaj verkoj aperintaj en esperanta traduko :** Pri ĉi tiu bibliografio fako respondecas prof. G. Waringhien (oni sendu al li ĉiujn rimarkojn aŭ kompletigojn.

C) **Studplano por la Diplomo pri Altaj Studoj :** Oni pretigos kaj aperigos la provtekstojn jam prezentitajn en la antaŭaj ekzamenoj de tiu ĉi grado (almenaŭ tiujn, kiujn oni retrovis). Oni aldonos liston de francaj kaj esperantaj verkoj utilaj por la pretigo de la kandidatoj.

D) **Funkciado :** F.E.I. kunvenos minimume ĉiun duan jaron, laŭeble unu fojon jare. Oni proponas, kaj la naŭ ĉeestantaj membroj unuanime konsentas :

S-ro Pierre Tardieu restos kasisto kaj direktoro de la Ekzamena Centro. Ĉi-okaze ĉiuj membroj unuanime laŭdas al la bonega kaj akurata laboro farita de s-ro Tardieu jam de multaj jaroj ;

S-ro Roger Bernard kiel sekretario pro lia najbareco kun la Prezidanto ;

S-ro Roger Michaud estas komisiita por la rilatoj kun alilandaj similaj Esperanto-Institutoj.

D') Ĉar montriĝis, ke ofte la notoj por la parola parto de la Atesto pri Kapableco ne respondas al la notoj de la skriba parto kaj estas certe tro molaj, cirkulero estos farita pri la neceso admoni la ekzamenantojn de tiu parola parto, ke ili strikte apliku la regulojn de la ekzameno, kaj ĝi donos konsilojn pri la maniero kiel okazigi tiun parolan parton de la ekzameno.

**El la protokolo.**

# NOVA RAPORTO PRI KONSTRUA TEKNIKO

**Novaj** teknikoj en konstruaj kaj civil-inĝenieraj metodoj formas la temon de **speciala raporto** nova, eldonita de la Internacia Labora Oficejo (I.L.O.).

La raporto pritraktas teknikojn kiuj **ĝisfunde influos** la metodojn kaj laborojn de ĉiuj en konstruaj rangoj — arkitektoj, inĝenieroj civilaj, kvantmezuristoj, konstru-firmaoj, inĝenieraj firmaoj, eĉ tiuj en la laboristaj rangoj mem — gvidlaboristoj kaj ordinaraj laboristoj, ĉu teknikaj, ĉu ne.

Oni uzis la raporton kiel bazan dokumenton ĉe **kunveno** de la Konstrua, Civil-Inĝeniera kaj Publik-Labora Komitato de la I.L.O., kiu okazis en Ĝenevo, Svislando, de **4 ĝis 15 Majo, 1964.**

Ekzempleroj de la raporto estas haveblaj senpage, nun en franca kaj angla, de la Internacia Labora Oficejo, Genève, Svislando. La eldonoj franca kaj angla entenas po 100 paĝoj. La I.L.O. nun pretigas ampleksajn resumojn en hispana, rusa kaj germana.

Oni petas esperantistojn diskonigi eĉ la ekziston de tiu ĉi nova raporto, al koncernaj personoj kiel tiuj menciitaj supre, per la ĵurnaloj nacilingvaj, tagaj, laboristaj, teknikaj, per simpla traduko de tiu ĉi informilo. Oni prefere ne traduku la nomon, oni lasu ĝin tiel, Internacia Labora Oficejo, por ke eventualaj petoj estu rekonataj. Utilus indiki al I.L.O. kian kunlaboron oni estas farinta.

ELDONIS TIUN ĈI INFORMILON :

Esperanto Services, 2 Burgh Quay, Dublin 2, Irlando.

Esperanto Services, 85, Sparks St., Ottawa 4, Ontario, Kanado.

## GRAVA PETO

En oktobro 1963 S-roj E.L.M. Wensing (Nederlando), E. Carlén (Svedo) kaj B. Vogelmann (Germano) oficiale starigis la fondaĵon « Instituto por Esperanto en Komerco kaj Industrio », mallonge : EKI. Ĝi kunlaboras kun U.E.A.

La taskoj de la Instituto estas multaj kaj gravaj. Ili ampleksas i.a. kompiladon de poliglota fakterminaro pri komerco kaj industrio kaj, surbaze de ĝi, verkadon de lernolibro(j) pri komerca korespondado.

Tiu ĉi laboro jam komenciĝis. Unu el la ĉeftrajtoj de la verkata terminaro estas ĝia difino de la komerce teknikaj terminoj kaj nocioj, ĉar antaŭ ĉio necesas, ke la vortmaterialo estu normigita. Sur ĉi tiu tre grava tereno, kiun ni apenaŭ kulturis ĝis nun, ni ne povas riski lingvokonfuziĝon. Ni ankaŭ ne povas permesi al ni multobliĝon de laboro sekve de aktiveco de unuopuloj kiuj verkas kaj eventuale eldon(ig)as sendepende de aliaj Esperantistoj laborantaj por la sama celo. Tial la ĉi-supra Instituto urĝe apelas al ĉiuj Esperantistoj, kiuj aktivas por enkonduko de Esperanto en komercon kaj industrion ne verki memstare aŭ eldoni ion sen antaŭ-sciigo al ĝi. La Instituto ne petas tion, dezirante esti monopolema, sed nur ĉar ĝi kredas ĝin necesa el vidpunkto de efikeco kaj celtrafeco. Ni ĉiam agu praktike kaj ekonomie.

Oni povas turni sin al : Instituto por Esperanto en Komerco kaj Industrio, Aalsterweg 217, Eindhoven (Nederlando).

## F.F.E.A. DUA INTERNACIA FERVOJISTA SKIRESTADO EN AUSTRUJO

Tiu ĉi skirestado, organizita de nia aŭstra fervojista samideano J. Geroldinger el Linz, okazis de la 16-a ĝis a 23-a de februaro, en la montodomo « Bergandhaus » (alteco 1620 m.), apud Grossarl, vilaĝo situanta je 19 km. de St Johann-im-Pongau (63 km. sude de Salzburg). Krom la vizito de Salzburg farita (sabate) de la franca grupo (18 anoj), entute 35 gesamideanoj germanaj, aŭstriaj kaj francaj, partoprenis la skirestadon kaj ĝuis la kvietecon de la ĉarma regiono elektita, promenante, skiante kaj spirante la puran montaran aeron. La tuta lignodomo, tipa kaj komforta, entenis nur esperantistojn, kaj estis do vera esperantista rondo ; kio okazis dum unu semajno en ĝojega etoso. Ĉiuj multe interbabilis, partoprenis la komunajn ludojn kaj kantojn, interŝanĝis adresojn kaj rendevuis por la venonta jaro.

Tiu ĉi afero certe havas firman estontecon.

H. BERNIER.

## FORPASIS LA JAPANA PREZIDINTO DE U.E.A.

La sesan de majo mortis elstara medicinisto, Profesoro D-ro Hideo Yagi. Nur antaŭ kelkaj monatoj neatendita apopleksio devigis lin haltigi siajn laborojn kiel direktoro de la Kawasaki Kancera Instiuto en Okayama, kaj demisii el la prezidanteco de U.E.A. Hideo Yagi naskiĝis proksime de Osaka la 18-an de aŭgusto 1899, kaj eklernis esperanton en 1917. Kiel studento li fondis esperanto-klubon en Kioto, kaj fondis kaj redaktis ĝian ilustritan revuon « Libero ». Dum li ankoraŭ studis medicinon, li verkis kaj eldonigis japana-esperantan vortaron (kun aliaj), kurslibron de esperanto, kaj japanlingvan broŝuron pri la lingva problemo. En postaj jaroj li publikigis aron da originalaj medicinaj artikoloj en la Lingvo Internacia. En 1934, li fariĝis Profesoro de Ginekologio kaj Akuŝologio en la Universitato de Okayama, kaj restis en tiu funkcio dum 28 jaroj. Jam en 1937 li partoprenis Universalan Kongreson en Varsovio, kie li prelegis. En la lastaj jaroj li fariĝis Vic-prezidanto de la Internacia Federacio de Ginekologio kaj Akuŝologio, Prezidanto de la Azia Ginekologia Asocio, Rektoro de la Universitato de Okayama, kaj Prezidanto de U.E.A. Lia morto signifas grandan perdon kaj por la medicino kaj por la Lingvo Internacia. (IGS/580).

●

Deziras korespondi kun ĉiuj landoj, sendas neuzitajn poŝtmarkojn kontraŭ bildkartoj de filmaktorinoj s-ro Iosif Tetuŝkin, **Poste restante**, Charkov 14, U.S.S.R. Nepre respondos al ĉiuj.

●

S-ro Tadashi Morishita (Paŭlo, laŭ katolika antaŭnomo), 39-jara, patro de du infanoj, de 1956 profesoro en la Jura Fakultato de la Universitato de Okayama (Japanujo) devas resti plurajn monatojn en la Universitato de Parizo. Li venos ĉe la fino de julio, partoprenos la Universalan Kongreson en Hago, kaj loĝos ĝis la 15-a de septembro en Maison du Japon, boulevard Jourdan, à Paris (14e). Li dezirus trovi post la 15-a de septembro ĉambron de ordinara komforto kaj interkonatiĝi kun parizaj gesamideanoj : li parolas angle, germane, hispane, itale, france kaj esperante.

●

F-ino Marie-Thérèse Auderset kaj s-ro Daniel Chevalier havas la ĝojon sciigi vin pri sia geedziĝo, kiu okazis en Gonneville-sur-Merville (Normandio) la 2-an de majo.

●

La 16-an de majo mortis la patro de la juna samideanino Jacqueline Guyon (el Sancoins, Cher) ; ni esprimas al ŝi kaj ŝia patrino nian sinceran kondolencon.

**GEVAERT-FOTO-KONKURSO** okaze de la 49-a Universala Kongreso kaj la 20-a Internacia Junulara Kongreso temos pri la jena frazo el la taglibro de Anne Frank : « **Freneze mi amas la naturon, ĉu nur pro tio, ke dum longa tempo mi ne povas elŝovi la nazon eksteren ?** ». Konkursontoj petu la kompletan regularon.

●

**UNIVERSALA KONGRESO.** — Des fichets de la S.N.C.F. sont à la disposition des congressistes pour le voyage à La Haye : les demander 34, rue de Chabrol, Paris X^e^.

●

**CENTRA OFICEJO.** — La nacia centro (rue de Chabrol) estos fermita de la **3a de aŭgusto** ĝis la **5-a de septembro 1964.**

●

**KAMERUNO.** — Ni hazarde eksciis pri la forpaso de s-ino Suzanne Eymin, deligitimo de U.E.A. en Foumbot. Ni sincere kondolencas.

●

**ISRAELO.** — Grava esperantista entrepreno sendos bendon de israelaj popolkantoj, se ĝi ricevos la samon kun popolkantoj de afrikaj kaj indoneziaj landoj. Por anticipaj informoj sin turni al :

Ishak Mucnik

Kfar Jehoshuo — Israelo

●

**INTERNACIA SCIENCA ESPERANTO-ASOCO.** — Komuniko de la franca sekcio.

Pri la **astronomi-geodezia sekcio** interesitoj sin turnu al Prof. Popoviĉ, Zagrebačka, 24, Sarajevo (Jugoslavio).

Pri la **matematik-fizika sekcio** sin turni al d-ro Carlo Minaja, Viale Giulo Cesare, 223, Roma (Italujo).

**Elektro-komiistoj** kaj **galvanizistoj** anoncu sin al s-ro Jack A. Mc Carthy, 4421 Driftman DR. Monroeville, Penna, Usono.

La franca delegito, inĝeniero Broise (Brezolles, Eure-et-Loir) verkis vortareton **Vasko-esperantan,** enhavantan ĉirkaŭ du mil vortojn, la vortojn troveblajn en « **Arotcarena** » kaj « **Doms Harymbat et Pons** » ; li sendos (ĝis elĉerpiĝo) ekzempleron kontraŭ afrankopago de 0,70 F. Oni povas ĝiri al lia poŝt-ĉekkonto 17.516.95 Paris.

●

**INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTOJ FOTO-KINO-KAJ MAGNETOFON-AMATOROJ (ILEF), organizo aliĝinta al U.E.A.** — La magnetofona sekcio invitas ĉiujn magnetofon-amatorojn sin anonci ĉe la sekcia respondeculo : s-ro Petro Poliŝĉuk, Novo-Moskovskaja 18, kv. 15, Taŝkent-52, USSR.

# KASTELO DE GRÉSILLON

Kiel ĉiujare, Unuiĝo Franca por Esperanto organizos **staĝon**

kiu okazos de la 30-a de aŭgusto ĝis la 13-a de septembro

Gvidos la staĝon profesoro Martin el Rennes

Zorgos pri la akcepto en la kastelo ges-roj Jellenc kaj f-inoj B. kaj J. Vazon.

Interesuloj aliĝu de nun sen prokraste



### DISTINCTION HONORIFIQUE

Nous avons le plaisir d'annoncer à nos membres la nomination au grade d'Officier de la Légion d'Honneur de notre vice-président **Gabriel Rougetet** et de notre dévoué membre et ami **Camille Brender.**

Les membres du Conseil d'Administration leur adressent leurs plus vives félicitations pour cette distinction qui honore notre Union Nationale.

——●——

**ĴUS APERINTA,** broŝuro de **Raymond Schwartz** pri la uzo de la participoj :

**« NE KIEL MEIER ! »**

en kolekto de **Franca Esperanto-Instituto.**

Mendu tiuj : 6 steloj aŭ 2 frankoj

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corri- | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,00 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 5,40 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,50 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broche | 6,60 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Enghoлm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 50,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire | 14,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 12,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques | 40,00 |
| 7 livrets | 45,00 |
| Le cours complet | 80,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu | 10,00 |

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** . 10,00

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X$^{e}$. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER

Le Gérant : J. GUILLAUME